# MIRMEKOBO 17

## februaro 2012

**Redaktoro: Donald Broadribb**
***La URL de la retejo de Mirmekobo estas:***
http://mirmekobo.com

*La bildo sur paĝo 1:* Trinaskitaj leonidoj blankharaj en Argentino (unua duono de la jaro 2011). La gepatroj estas ankaŭ purblankaj. Temas ne pri albinoj sed pri speciala tre rara subspecio leona.

## TABELO DE ENHAVO



## Ĝenerala Informo

*Mirmekobo* estas per-interreta eldonaĵo senpage abonebla, ankaŭ individuaj numeroj estas senpage haveblaj. Ĉiu persono rajtas kontribui al la enhavo de *Mirmekobo.* Neniu surpapera formo de *Mirmekobo* ekzistas. La kialo estas ke la presado kaj dissendado de surpapera ekzemplero estus tre multekosta, tiel ke abono estus ankaŭ tre multekosta. Tamen, se vi mem deziras presi per via komputilopresilo por vi aŭ por alia(j) persono(j) ekzemplerojn de *Mirmekobo*, tion vi rajtas libere fari. Ankaŭ la perretan formon vi rajtas libere dissendi.

La redaktoron vi povas kontakti ĉe
donbroadribb@mirmekobo.com

# arkeolologio

## Felix Romuliana

**de Jadranka Mirić** (Serbio)

Dek kilometrojn de la urbo Boljevac (en la orienta regiono de Serbio) ĉe la piedo de montego Rtanj, proksime de la banloko Gamzigrad troviĝas Imperiestra Palaco nomata Felix Romuliana.

Ĝi estis konstruita komence de la kvara jarcentoKE. Imperiestro Galerius decidis konstrui palacon en la jaro 305. La konstruado daŭris ĝis lia morto. (Li estis infektita survoje al Sofio kaj tie mortis en la fino de aprilo aŭ la unua parto de majo, 311. Lia korpo estis transportita al la cara palaco kie li estis enterigita sur la altaĵo Magura.) Unu kilometron oriente de la Palaco troviĝas du tumuloj kie estis enterigitaj li kaj lia patrino Romuliana. Lia patrino volis fari Apoteozon (religia rito por diigi personon). Ĝi estis la lasta tia rito, ĉar du jarojn poste Imperiestro Konstantino la Granda proklamis kristanismon la oficiala religio romia.



La 13an de majo, Imperiestro Galerius faris la milanan edikton kiu

proklamis toleremon inter religioj. En 1835 germana geologo Sigismund August Wolfgang Herder, serĉante minejojn en Serbio, malkovris la spurojn de la fortikaĵo. Poste Felix Kanitz, fama etnografo, vizitinte la fortikaĵon konkludis ke tio estis romia fortikaĵo, ĉar romianoj konstruadis multajn fortikaĵojn ĉe la dekstra flanko de la rivero Danubo, por protekti sin kontraŭ subitaj barbaraj atakadoj el trans Danubo. En 1953 niaj arkeologoj komencis esploradon de la fortikaĵo troviĝanta en la ĉirkaŭaĵo de banloko Gamzigrad, proksime de la urbo Zaječar. Tiam estis malkovritaj gravaj kaj valoraj kulturaj artaj kaj arkeologiaj objektoj. Ekzemple: unue, la malkovritaj mozaikoj kaŭzis ke la ĝistiama kredo pri la ekzisto de romia fortikaĵo falu, ĉar nia arkeologo, d-ro Dragoslav Srejović pruvis ke tie, fakte, troviĝas la imperiestra palaco nomata Felix Romuliana, laŭ skribaĵo trovita sur fragmento de arkivolto.



Ekstere, la Palaco etendiĝas sur 6,5ha, kaj interne sur 4,5ha. La Reĝa Palaco estis la pej bele konstruita ekzemplo de romiaj kortegoj: malnova salono, la granda salono, akvo-termoj, vestibloj, belege ornamitaj muroj kun motivoj el ĉasado, el naturo, 20 blankaj altaj kolonoj, turoj kaj belegaj historiaj kaj kulturaj artaĵoj kaj skulptaĵoj: kapo de Jupitero, Herkulo, Galerius. Ĉio prezentas

valoran ateston pri malfrua antikva arkeologa trovaĵo. En 2007 la Felix Romuliana estis metita en la liston de heredaĵoj de monda kultura.



En junio la Palacon vizitis Predrag Marković (Ministerio de Kulturo kaj Informado kune kun la ambasadoro de Germanio en Beograd, s-ro Wolfram Mass kaj la zaječara urbestro s-ro Boško Ničić. Tiam estis prezentita nova vidaĵo de la restarigita orienta pordego de Felix Romuliana. La projekton pri "Restaŭro kaj konservado de la Orienta pordego de Felix Romuliana" finance subtenis Germanio. Antaŭe tion faris Italio, Kanado, Japanio. Poste akompanis ilin ambasadorino Mary Warlik el Usono. Dank' al ilia financa helpo oni povis sukcese fini la projekton de restaŭro kaj konservado de du tumuloj sur Magura kie estis enterigitaj kaj Imperiestro Galerius kaj lia patrino Romuliana. La Imperiestran Palacon Felix Romuliana oni povas kompari kun la belega Diokleciana Palaco troviĝanta en Split, marborda urbo en Dalmatio-Kroatio.



La rekonstruita orienta pordego de Felix Romuliana



Diokleciana Palaco, proksimume samtempa

# skulpto

**de Anneke Buys** (Nederlando)

En decembro 2003, partoprenante la bahaan vintran akademion, dum tri tagoj mi lernis pri skulptado de steatito. Pro ĝia iom graseca materialo la



populara nomo estas sapŝtono aŭ larda ŝtono; la pulvoro kiu rezultas el la prilaborado estas talko.

Steatito estas tre malmola materialo, ĝia dureco estas kutime 1 ĝis ½ kompare al diamanto kies dureco estas 10. Steatito venas de diversaj landoj kaj kontinentoj, ekzemple blanka, rozkolora, verda kaj nigra el Ĉinio, bruna kaj verde griza el Brazilo, malhelverda, ruĝa kaj oranĝkolora el Hindio (ĝia dureco estas ½-2) kaj i.a. la sufiĉe malmola, nigra aŭ blua "springstone" el Zimbabvo.

La rezulto de la tritaga kurso estis figuro de sidanta homo el opalŝtono, grize verda ŝtono kun blankaj makuloj — kaj mia enamiĝo al tiu materialo. Kelkajn semajnojn poste eblis viziti vendejon de skulptistaj materialoj kaj elspezi la naskiĝtagan monon por kelkaj iloj kaj ŝtonpecoj. La ŝtono ne kostas multe, sed la iloj jes; feliĉe eĉ per simpla kuireja tranĉilo oni povas fari ion tre belan! La tri raspiloj kiujn tiam mi akiris sufiĉis por la unuaj figuroj, i.a. malgrandaj liro kaj gitaro kiujn ricevis donace Elena Puĥova kaj Mikaelo Bronŝtejn.

Ekde tiam multaj figuroj ekestis, ofte abstraktaj, kaj post tutsemajna kurso pri skulptado per ĉiziloj kaj martelo mi regule skulptas figurojn el alabastro aŭ ne tro malmolaj marmorspecoj. Feliĉe ekzistas klubo de amatoraj artistoj en mia urbo, Apeldoorn, kie oni povas skulpti, lerni unu de la alia kaj poste forbalai la multajn pecetojn!

Ĉi-aldone estas fotoj de skulptaĵoj:



Fiŝo



Rozkolora planto el ĉina steatito

Staranta figuro iom abstrakta el brazila steatito, kiu nomiĝas "ŝirmata":



En junio-julio de 2011 okazis ekspociieto en la kvartala filio de nia librejo.

[Videblas multaj skulptaĵoj faritaj de Anneke Buis en ŝia retejo: www.annekebuys.nl (klaku sur la vorto *beeld*)]

# rakonto

## Amiko Joseph

**de Guy de Maupassant** [Originalo: 1883]
**tr. Yenovk Lazian** (Germanio)

Ili proksime konatiĝis kaj pasigis kune tutan vintron en Parizo.

Tion sekvis jaregoj da kutima neplurevido postlerneja, kaj jen ambaŭ amikoj renkontiĝas unu vesperon, jam grizharaj kaj maljunaj, unu fraŭlo, l'alia edzo.

S-ro de Méroul loĝis duonjaron en Parizo kaj l'alian duonon en sia kasteleto en Tourbeville. Edziĝinte al filino de la najbara bienulo, li ĝuis pacan kaj bonordan vivon de homo havanta nenion farindan. Laŭnature trankvila kaj pacanima, sen mensaj impetoj, sen tempestoj de memstaremo, li pasigis la tempon sopirante kun bedaŭro al la pasinteco, lamentante la morojn kaj kutimojn de la nuno, kaj ĉiuokaze ripetante "Sub kia regado ni vivas, Dio mia!" al sia edzino, kiu levadis la rigardon kaj foje ankaŭ la manojn al la ĉielo kiel signo de verva konsento.

S-ino de Méroul mense similis al la edzo, kvazaŭ ambaŭ estus gefratoj. Ŝi firme sciis, ke pli ol iun alian oni estimu la papon kaj la reĝon!

Kaj ŝi tute senkone amis kaj estimis ilin ambaŭ el la profundo de sia koro, kun poeteca animflugo, kun heredita sindonemo, kun kortuŝo de nobelo. Ŝi estis bonpensa ĝis la pleja animprofundo.

Ŝi ne naskis idojn kaj senĉese veis pri tio.

S-ro de Mérual renkontis dum iu balo sian juntempan amikon Jozeph Mouradour' Ilin ekregis profunda kaj senŝminka ĝojo, ĉar ili tre ŝatis unu la alian dum la junaj jaroj.

Post kelkaj mirkrioj pri la spuroj, kiujn la aĝo lasis sur la korpo kaj vizaĝo de la alia, ambaŭ prirakontis siajn ĝisajn vivojn.

Joseph Mouradour, loĝanto de la landosudo, oficis kiel konsiliano en sia provinco. Nekaŝema, li parolis libere kaj sendetene, trudante sian opinion sen ĉirkaŭdiroj. Li estis respublikano, el tiu speco de la bravaj knaboj respublikemaj, kies vivregulo estas sinesprimo tute senkatena kaj sendependeco de la parolo kiu ĝisas eĉ krudecon.

Li venis en la domon de sia amiko, kie oni tuj ekamis lin pro lia korvarmo senkaprica, malgraŭ liaj transrandaj opinioj. S-ino de Méroul suspiris: "Kia bedaŭro, li estas ja tiom ĉarma !"

S-ro de Méroul diradis al sia amiko kun profundkonvinka kaj sincera tono: "Vi eĉ ne konscias, per kia malfeliĉo plagas nian landon via anaro". Tamen li

dorlotis lin, ĉar nenio fortas pli ol infantempaj ligoj reflegataj maturaĝe. Joseph Mouradour moketis la geedzojn nomante ilin "miaj karaj testudoj" kaj foje permesadis al si longspirajn impetojn kontraŭ ĉiaj sklavoj de la pasinteco, kontraŭ antaŭjuĝoj kaj ceremonioj.

Kiam li ellasadis la torenton de sia liberpensa elokvento, la geedzoj konfuzite silentadis pro afableco, post kio la edzo klopodis forturni la temon por eviti reciprokajn parolpikojn. Joseph Mouradour estis gastigebla nur unuope.

Someriĝis. La geedzoj Méroul havis neniun plezuron plian ol gastigi geamikojn en sia bieno Tourbeville. Tio estis ĝojo varmkora kaj sana, brava ĝojo de vilaĝaj bienposedantoj.

Ili kutime renkontis la gastojn ĉe la stacidomo kaj veturigadis ilin hejmen en sia kaleŝo, ĝuante komplimentojn pri la bela kamparo, pri la plantoj, bona stato de la vojoj en la provinco, pri la pureco de la kamparanaj domoj, dikeco de la kvarpieduloj paŝtiĝantaj surkampe, pri ĉio videbla ĝishorizonte.

La gastoj laŭde rimarkadis, ke la ĉevalo trotadis mirinde vigle malgraŭ la multmonata laboro surkampa. Kaj la geedzoj senpacience atendis aŭdi la opinion de ĉiu novvenanta gasto pri sia familia bieno, atente al ĉiu vorto, dankeme pro ĉia ajn direto favora.

Invitite, Joseph Mouradur sciigis sian alvenon.

La geedzoj veturis al la fervojstacio ĝojkore pro la feliĉo gastigi lin.

Apenaŭ vidinte ilin, Joseph Mouradour saltis el la vagono kun vigleco kiu pliigis la kontenton de la gastigonta paro. Li manpremis kun ili, ŝutis afablaĵojn kaj ebriigis per komplimentoj.

Dum la tuta vojveturo li estis ĉarma kaj admiris la altecon de la arboj, la dikecon de la tritikfaskoj, la rapidan ĉevalkuron.

Kiam li surpaŝis la sojlon de la kastelo, s-ro de Méroul diris al li kun speco de amika soleno:

"Jen via denuna hejmo!"

Joseph Mouradour respondis:

"Dankon, kara, mi certis pri tio. Mi ankaŭ ne estas ceremoniema kun miaj amikoj. Alispecan gastamon mi ne komprenas."

Poste li supreniris en sian ĉambron por — kiel li diris — revesti sin kamparane kaj revenis tutvestita bluŝtofe, kun plata pajla ĉapelo surkape, kun krudledaj botoj surpiede, en la hejmece senĝena vestaĵo de ĉefurbano. En tia kamparana uniformo li ŝajnis eĉ pli simplamaniera, pli vivoĝoja, pli korproksima.

Tamen lia nova aspekto iomete konsternis la gesinjorojn de Méroul, kiuj estis senŝanĝe gravsintenaj kaj dignoplenaj eĉ en sia propra bieno, kvazaŭ la

nobela antaŭnomaĵo devigus ilin al tia ceremoniemo eĉ sengaste.

Post la tagmanĝo la triopo iris trarigardi la farmojn, kaj Joseph Mouradour konsternis la respektemajn vilaĝanojn per sia amikeca alparolado.

La vespermanĝon venis kundividi la pastro, homo maljuna kaj pezkorpa, ĉetablano kutime dimanĉa, kiun oni tamen ĉi-okaze invitis honore al la nova gasto.

Joseph grimacis ĉe la renkonto kun li kaj poste algapis kun scivolemo, kvazaŭ estaĵon tutapartan, neviditan antaŭe, des pli tiom proksime.

Dum la vespermanĝo li paroladis aĵojn libermorajn, intimronde eble permeseblajn, tamen troajn en la ĉeesto de ekleziisto, tiel opiniis la geedzoj Méroul.

La amiko ĉiufoje alparolis la veninton ne per "via pastra moŝto", sed per simpla "sinjoro"; embarasis la pastron per kelkaj siaj filozofiaĵoj pri la profundradikaj superstiĉoj tra la mondo.

Li diradis:

"Via Dio, sinjoro, estas de tiu speco, kiun oni estimu, tamen ankaŭ pridiskutu. Mia dio nomiĝas Racio, kaj li ĉiam malamikis kun la via..."

La geedzoj vane klopodis forturni la temon. La pastro foriris pli frue ol kutime.

Poste la gastiganto grave flustris:

"Vi iomete troigis antaŭ la pastro, ĉu ne?"

Sed Joseph respondis eksplode:

"Tamen merite! Kial mi ĝenu min antaŭ tiu lignakapulo? Do nepre komplezu al mi, ne plu venigu la hometon kunmanĝi. Uzu lin por viaj bezonoj laŭplaĉe, ĉu dimanĉe, ĉu semajntage, sed la amikojn per li ne regalu! Aĉ kaj refoje aĉ!"

"Sed kara mia, lia sankta rango..."

Joseph Mouradour intermetis :

"Jes, certege! Oni pritraktu ilin kiel rozkronajn virgulinojn! Nepre ja, karuleto! Nur tiam mi respektos iliajn opiniojn, kiam tiuspeculoj respektos ĉion mian."

Jen kiel pasis la unua tago.

Sekvamatene s-ino Méroul enirinte la salonon ekvidis en la pleja tablomezo tri gazetojn, kies nuraj nomoj igis ŝin tresalteti: *Le Voltaire*, *La République française* kaj *La Justice*[1].

Tuj poste sursojle aperis Joseph Mouradour same blukolore vestita kaj

1 *Le Voltaire,* pariza ĵurnalo 1878 - 1897; *(Journal de) La République française [*"*La franca respubliko,* revoluciiga periodaĵo 1872--; *La Justice* [Justeco] radikala ĵurnalo eldonata de Georges Clemenceau 1880-1900]; *L'Intransigeant* [La necedema], maldekstrema ĵurnalo fondita de Henri Rochefort en 1880, poste iĝinta tre dekstrema publikaĵo.

atentege leganta la gazeton *L'Intransigeant*.

Li voĉis:

"Jen elstara artikolo de Rochefort. Kia gajulo tute neimagebla!"

Kaj li komencis laŭtlegi, aparte klare ĉe la plejgravaĵoj kaj tiom entuziasme, ke eĉ ne rimarkis la eniron de sia amiko.

S-ro de Méroul tenis enmane legaĵojn: *le Gaulois* por si kaj *la Clairon*[1] por la edzino.

La ardaj vortoj de la brila Rochefort kiu renversadis la imperion teren, la vortoj batalvoĉe tondraj, pikaj kaj pinĉaj, ĉantataj en la sudana prononco; ili skuegis la malnovajn rekte falditajn kurtenojn de la pacviva salono, saltadis hajle trapafante la murojn, priŝprucante la pezajn tapiŝitajn fotelojn, la severaspektan meblaron starintan senŝanĝe kaj samloke dum jarcentego.

La gemastroj, unu stare kaj l'alia side, aŭskultis man-ĉe-buŝe kaj tiomgrade rigide, ke eĉ ne unu movon kapablis fari.

Mouradour elpafis la lastan frazon kaj tondris venkotone:

"Piprege, ĉu ne?"

Subite li restis siavice senvorta, ĉar rimarkis la du gazetojn, kiujn kunportis la mastro. Tamen li tuj retrovis la agipovon kaj firme alpaŝis la amikon kun kolera demando:

"Kion vi volas fari kun tiuj paperaĵoj?"

S-ro de Méroul hezite respondis:

"Estas ja... miaj gazetoj!"

"Viaj gazetoj do? Indus diri ke vi mokas min. Vi nepre bonvolu legi miajn gazetojn, kiuj iomete rilaksos vian penson... Kaj al viaj paperoj mi faru jenon..."

Kaj antaŭ ol la gastiganto povus lin haltigi, li forŝiris ambaŭ gazetojn kaj ĵetis ilin trafenestren. Li solene enmanigis *La Justice* al la sinjorino, ŝovis *Le Voltaire* al la edzo kaj enfoteliĝis por plulegi sian *L'Intransigeant*.

Pro ĝentileco la geedzoj ŝajnigis iometon da legado, sed baldaŭ redonis al li la respublikemajn gazetfoliojn, tenante ilin fingropinte kvazaŭ ian venenaĵon.Tiam la gasto ride certigis :

"Post semajneto da mia cerba nutrado vi aliĝos al miaj ideoj!"

Kaj vere, post unu semajno li plenregis la domon. Li malinvitis la pastron, kiun s-ino de Méroul povis viziti nur kaŝe, malpermesis alporti la gazetojn *Gaulois* kaj *Clairon*, kiujn la servisto tamen aĉetadis preterordone ĉe la poŝto. Ĉe la eniro de la gasto, oni tuj ŝovadis la gazetojn sub la sofkusenojn. Li mastrumis ĉion siavole, senŝanĝe ĉarma, varmkora kaj gaja eĉ en sia tirana ĉionpovo.

---

[1] *Le Gaulois* [La franco], ĵurnalo fondita en 1868, kontraŭrespublika eldonaĵo; *La Clairon* [La Trumpeto], titolo de multaj ĵurnaloj.

Estis venontaj pliaj amikoj, homoj diotimaj kaj reĝfidelaj. La kastelposedantoj taksis tian renkontiĝon tute neokazigebla, kaj pro la solvomanko sciigis unu vesperon al Joseph Mouradour, ke ili devas foresti pro io plenumenda kaj petis, ke li restetu sola. Sen ioma ajn malkontento li respondis:

"Bonege, al mi ne jukas! Mi atendos vin tiom longe kiom necesas. Kiel mi jam diris, inter la proksimuloj oni simplu. Vi pravas ja: postkuru viajn aferojn. Mi tute ne formalemas, ĝuste kontraŭe, via foresto estas por mi plia signo de via gastamo. Ek, geamikoj miaj, mi atendos vin."

La gesinjoroj de Méroul forveturis sekvamatene. La gasto daŭre atendas ilin.

---

## Pri la revuo *Mirmekobo*

*Mirmekobo* komencis aperi en aprilo 2008. Ĝin publikigas ĝia redaktoro Donald Broadribb en la vilaĝo York en Aŭstralio. (York estas proksimume 100 kilometrojn oriente de la urbo Perto, en Okcidenta Aŭstralio.) La revuo aperas nur per Interreto, kaj estas tute senpaga. Ĝi aperas ĝenerale 4- ĝis 6-foje en ĉiu jaro, kaj estas abonebla senpage per peto sendita al: donbroadribb@mirmekobo.com. Oni ankaŭ povas elŝuti ĉiujn numerojn de *Mirmekobo* ĉe la retadreso mirmekobo.com.



La vorto *miremekobo* [angle *numbat*] estas la nomo de tre rara mambesteto plu ekzistanta nur en tre malgranda parto de la sudo de Okcidenta Aŭstralio. La inspirinto de la revuo *Mirmekobo* estas la iama *Malgranda Revuo* eldonata de la verkisto Stellan Engholm en Svedio inter la jaroj 1943-1952.

*Mirmekobo* publikigas artikolojn kaj aliajn kontribuaĵojn disponigatajn al ĝi de kontribuemuloj en la tuta mondo. Pri la karaktero de kontribuaĵoj akceptataj por publikigo vi povas legi sur la lasta paĝo de ĉi tiu kajero.

Ni multe deziras verkojn de novaj kontribuantoj. Gravas nur la enhavo, ne la longeco. Se, do, vi iam pensas "tre volonte mi dezirus legi pri…" kial ne mem verki kaj sendi por aperigo en *Mirmekobo*? Specialajn memorojn, personajn spertojn, poemojn, rakontojn (ĉu faktajn, ĉu imagitajn), interesajn fotojn, desegnaĵojn, ŝercojn, verkojn tute amatorajn aŭ vere teknikajn, historiaĵojn, pensojn diskonigindajn, ĉion tian ni volonte ricevas por ebla publikigo en *Mirmekobo*.

*Donald Broadribb*

# poezio

**de Tomas Transrömer**
(Nobel-premiito en 2011)
tradukis Julia 'Sigmond



Tomas Transrömer

## SILENTO

Lasu la mortintojn...
Nubo glitas super la sundiskon.
La malsato estas turkonstruaĵo
Kiu formoviĝas dum la nokto.
En la dormejo malfermiĝas la liftoŝakto,
Stango de l' mallumo kontraŭ la antaŭmorto.
Floroj troviĝas en la kavaĵo.
Trombono kaj silento.
Lasu la mortintojn...
La arĝenta manĝilaro transvivas la voĉbruegon
En la sombra profundo de la Atlantika Oceano.

## MEZE DE VINTRO

Blua brilo
Filtriĝas el mia vestaĵo.
Meze de vintro
Glaci-tamburinoj tintegas.
Miajn okulojn mi fermas.
Ekzistas unu mondo sensona
Estas unu breĉo
Kie la mortintojn
Oni kontrabandas tra la limo.

# ceramikaĵoj

## Antikva ceramika arto el Peruo

**kompilis Donald Broadribb**

Preskaŭ neniu pentrarto restas el la antaŭhispana Peruo, ĉar la misiistoj penis detrui ĉion tian kiel diabloriginan. Tamen postrestas abunda ceramika arto, je kiu la peruaj artistoj estis tre talentaj. Jen kelkaj:



strigoforma botelo [inter 2-3a jarcentojKE]



spirala botelo [inter 2-5a jarcentojKE]

(Precizaj datoj ne fareblas; la datoj donitaj indikas la epokon dum kiu ceramikaĵo estis farita.)



Kataspeka botelo [inter 8-10a jarcentojKE]



birdoforma botelo [inter 2-5a jarcentojKE]



fajfanta duparta botelo [2a jarcentoAKE]



lamforma botelo [inter 12-14a jarcentoKE]



katforma botelo [inter 5-3a jarcentojAKE]



korakoforma ujo [inter 1a-jarcentoAKE-7A JARCENTOKE]

Ĉiuj fotoj estas el la multmil-ceramikaĵokolekto ĉe
The Metropolitan Museum of Art, en Novjorko, Usono
http://www.metmuseum.org/collections

# novelo[1]

## Kaj la *Miserere*[2]. Lasta graco.

### fikcia rakonto de Donald Broadribb

Dormante Mariana estis tre malkvieta. Ŝvito kovris ŝin. *La aviadilo flugadis tra feroca ŝtormo. Ĝin ĵetegadis la ventego, kaj la voĉo de la piloto estis tre nervoza dum li avertis ke la pasaĝeroj certiĝu ke ili bulkis siajn sekurrimenojn, kaj ke oni nepre ne fumu. La stevardinoj ne plu klopodis marŝi laŭlonge de la interseĝa koridoro kun trinkaĵoj kaj gazetoj, sed staris en grupo en la malantaŭo de la pasaĝera kajuto. Fulmis. Subite eksplodis. La aviadilo disfalis. La aero estis malplena. Silenta.*

Mariana vekiĝis kriante. Petro, apud ŝi en la lito, alarmite elsaltis, poste komprenis ke Mariana spertis koŝmaron.

"Katastrofo okazis!" La voĉo de Mariana estis tiom plena de teruro ke ĝi preskaŭ panikigis ankaŭ lin. "Aviadilo pereis, nekredeble pereis, kaj ... iel ... temas pri mi." Ŝia vizaĝo estis tre blanka.

"Vi suferis koŝmaron," Petro diris konsolcele. "Nur koŝmaro. Nenio katastrofa okazis. Koŝmaroj parolas per simboloj, kaj tio timigas."

"Ne estis koŝmaro!" kriis Mariana. "Estis vera katastrofo!"

"Nu, ni facile kontrolos tion," Petro respondis. "Ni aŭskultu la novaĵraporton de iu tutnokta radiostacio. Vidu, estas nun nur unu minuto post la noktomezo. Ni ankoraŭ povos aŭdi la informojn." Li ŝaltis la radioaparaton apud la lito kaj ili aŭdis la voĉon de anoncisto:

> …en la Atlantiko. Ŝajnas ke neniu postvivis. La British Airways flugo 735 estis fluganta al San Francisko. Proksimume unu horon post la forflugo el Sidnejo la piloto raportis fortan ŝtormon kaj ke fulmo trafis la aviadilon. Sed ankaŭ estis la sono de eksplodo tuj antaŭ ol radiokontakto ĉesis. Nun aliaj temoj: La Prezidento de..."

---

Ĉe la flughaveno de Sidnejo, Gloria kaj Roland atendis tre nervoze la flugon al San Francisko. "Ni devus aĉeti por ili ion aŭstralian," diris Gloria, dum ili rigardadis la varojn en butiketo apud la pasaĝersalono. "Kion vi opinias? Ĉu

---

1 Ĉapitro el anglalingva romano verkita de la redaktoro kaj lia fratino.

2 La "*Miserere*" = Latina liturgia nomo de Psalmo 51 (Psalmo 50 en la Vulgato). Mi rekomendas ke vi legu tiun psalmon, se vi volas kompreni kiel ĝi rilatas al la poemo kaj al la tuta rakonto.— DB)

fotolibron? Aŭ ĉarman koalopupon?"

"Mi ne scias." Roland cerbumadis dum li rigardis la bretojn da donacaĵoj. Ĉu viaj gepatroj amas legi?"

"Fanatike," ŝi respondis. "Precipe poezion. Mi neniam vidis tiel fervorajn poezilegantojn."

"Eble do ĉi tion," sugestis Roland. Li prenis ekzempleron de la *Kolektita Poemaro* de Francis Webb.

"Kiu estas Francis Webb? Mi neniam aŭdis pri ŝi," Gloria demandis.

"'Li'. Verŝajne la plej grava aŭstralia poeto de nia jarcento. Aŭskultu nur:

*La sesa horo. Eble ĉinokte estos luno.*
*Tikas komata stelo ĉe morta Ferriere.*
*La fruan moskitmordon konas kampa maljuno*
*kvazaŭ ponardon, agacan orele.*

*La jupon super marĉo trenas lumo,*
*miele senpersoneca: neniu funebras ĉitere,*
*kaj funebras Nenio en Nettuno: sentu brakumon*
*de Nenio, elakviĝanta sur ĉiinfanvizaĝon.*

*La sesa horo. "Korfavoru min, ho Dio." Lasta graco.*
*Morto kaj Ino strange montras saman juĝon,*
*kaj metas dubcelajn fingrojn sur ĉi tutan infanvizaĝon.*[1]

Estas strofoj el 'Lamento pro Sankta Maria Goretti'.[2] Belega. Ĉu vi ne kunsentas?"

Mi vere ne komprenas ĝin," diris Gloria. "Sed ili ja amas tian poezion de modernaj poetoj. Ĝi iel timigas min."

---

[1] Laŭ tr. de Niĉjo Nicholas. La originalo estas:

Six o'clock. There may be a moon tonight.
At dead Ferriere twitches the comatose star.
A peasant knows the early mosquito bite
Like a stiletto into his wincing ear.

The suave impersonal light
Trails its skirts over marshland: No mourners here,
And Nothing mourns at Nettuno: feel the embrace
Of Nothing scrambling ashore at this child's face.

Six o'clock. And the Miserere. Final Grace.
And Death and the Woman, strangely at one will place
Ambiguous fingers on all of this child's face.

[2] Itala sanktulino. Ŝi estis 11jara infano, murdita de seksperfortisto.

"Nu, ja temas pri ŝia morto, do neeviteble ĝi iom timigas," komentis Roland. "Sed tio estas nur malgranda parto de la poemo. Vi povos legi la tuton en la aviadilo. Jes, mi aĉetos la libron por ili." Li pagis al la kasisto. "Kian dediĉon mi skribu pri ĝi? 'Por Mariana kaj Petro, kun nia amo?'"

"Sonas strange, nomi la gepatrojn tiel," diris Gloria. "Kiel bofilo ja kutime nomas la gepatrojn de la edzino? Nu, ni decidu pri tio en la aviadilo." Ŝi rapide parolis, ĉar laŭta voĉo anoncis ke British Airways flugo 735 nun pretas ĉe pordo 17. Ŝi prenis fotolibron, *Aŭstraliaj Sovaĝaj Floroj*, ĵetis la monon al la kasisto, kaj ili kuris al la aviadilo.

Ambaŭ jam ofte flugis, kaj post eble duonhoro ili komencis dormeti. Ilin vekis la skuiĝo de la aviadilo, dum ĝi estis forte ĵetata de la ventego. "Ŝtormo!" kriis Gloria, kaj samtempe ili aŭdis anoncon: "Ni spertas iom da fulmotondro nunmomente kaj eble ni bezonos ĉirkaŭ dek minutojn por liberiĝi de ĝi. La pasaĝeroj bonvolu certiĝi ke iliaj sekurrimenoj estas fiksitaj, kaj oni nepre ne fumu." Malpli rutinsone daŭrigis la voĉo: "Pro la neprobabla ebleco ke ni devos surmariĝi, la pasaĝeroj bonvolu..."

Fulmo trafis la maldekstran alon, apud kiu sidis Roland kaj Gloria, kaj la voĉo eksilentis. Gloria komencis krii "Roland!" sed ŝian voĉon kovris la sono de eksplodo en la malantaŭo de la aviadilo. Sekvis silento. Kaj nigro.

---

Petro fine sukcesis trankviligi Marianan iomete. Li tenere rekondukis ŝin al la lito kaj donis glason da brando. Kaj li elverŝis iom ankaŭ por si. "Ni facile trovos kio okazis. Vi kredas ke Gloria kaj Roland estis en tiu aviadilo, ĉu ne?" Mariana kapjesis, nekapabla paroli. "Nu, ni povas nuligi tiun timon." Li strebis paroli trankvile, sed ne tre sukcese. Li prenis la apudlitan telefonon kaj kontaktis la internacian servon. "Parolas Doktoro Petro Möri. Estas urĝe telefoni al Aŭstralio. Ĉu vi bonvolos kontaktigi min kun la internacia flughaveno en Sidnejo, Aŭstralio?"

Voĉo respondis ke li devos longe atendi, jam centoj da personoj volas telefoni Aŭstralien. "Vi diras ke urĝas, ĉu?" demandis la voĉo duboplene. "Doktoro Petro Möri? Kia doktoro?"

"Korspecialisto, damne! Kontrolu pri mi per via komputilo se vi volas. Jes, ja urĝas!"

"Mi kontaktigos vin tuj kiam eblos," diris la voĉo. "Dankon." La telefono eksilentis.

Mariana senespere demandis: "Ĉu oni rifuzis kontaktigi vin?"

"Oni kontaktigos min kiam eblos," Petro ripetis. "Kaj sendube ili intertempe kontrolas por trovi ĉu mi rajtas postuli prioritaton. Kaj oni certigos ke mi ja estas mi, ĉar ili uzos mian sekretan telefonnumeron."

Tiumomente sonoris la telefono kaj Petro reprenis ĝin.

"Parolas la internacia informoservo," diris la voĉo. "Mi bedaŭras informi vin ke la flughaveno en Sidnejo ne akceptas telefonkontaktojn. Okazis grava aviadakcidento kaj ili akceptas kontakton nur kun sia serĉistaro."

"Kiun telefonnumeron havas la gepatroj de Roland?" Petro flustris al Mariana. Ŝi transdonis al li libreton en kiu ŝi jam ĵus metis cirklon ĉirkaŭ la numeron de la familio Schreiner en Melburno. Kaj ĉifoje ŝi premis sian orelon apud lian por aŭdi la tutan konversacion.

Petro voĉlegis la numeron kaj post kelkaj sekundoj telefonkontakto establiĝis. Respondis Nancy Schreiner. Li transdonis la telefonon al Mariana.

"Parolas Mariana," ŝi komencis diri, sed ŝin interrompis la voĉo de Nancy, kiun ŝi preskaŭ ne rekonis pro la plorado.

"Ilia aviadilo — flugnumero 735 — ni provis telefoni al la flughaveno por trovi ĉu ili estis en la aviadilo, sed oni ne akceptas telefonvokojn. Ni nur esperegas ke ili ne eniris la aviadilon. La melburna flughaveno nur diras ke laŭ la komputiloj ili atingis Sidnejon kaj enskribis sin por la flugo al San Francisko."

"Neniu espero eblas," diris Mariana per lacega voĉo. "Ili estis en la aviadilo. Ili mortis. Mi vidis. Estas vero."

"Kion vi diras, 'vi vidis'?" vekriis Nancy.

"Dum mi dormis mi vidis ĉion: la aviadilon, la ŝtormon, la fulmon, mi eĉ aŭdis la eksplodon. Kaj restis nenio. Eĉ ne peceteto. Timego min vekis. Petro ŝaltis la radion kaj oni rakontis precize kion mi vidis, do mi scias ke estas vero. Ho, ni devas preĝi por iliaj animoj, Nancy!"

---

Glorian kaj Rolandon pugbatis la vento, dum io tiris ilin ĉiam pli alten inter la nubojn.

Ili ekhaltis, kvazaŭ nun starante sur solidaĵo. Nubero apartigis ilin, tiel ke Gloria ne plu povis vidi Rolandon. Kiam ŝi vokis lin, aŭdiĝis neniu respondo. Abrupte giganta fingro direktiĝis al ŝi, kaj ŝi vidis furiozan vizaĝon kun longaj haroj blovataj de la vento. La figuron ŝi rekonis. Ŝi antaŭe vidis ĝin en bildo sur la kovrilo de libro pri Blake en la hejmo de la gepatroj.

"Deklaru viajn pekojn!" tondre sonis la voĉo.

Gloria balbutis kaj dum kelkaj momentoj ne povis voĉi, sed poste sukcesis krii "Adultado! Amorado! Mensogado! Ŝtelado!"

"Pli!" postulis la voĉo.

"Mi pekis, mi pekis ... *mea culpa* ... *mea culpa*..." elploris Gloria dum ŝi strebis memori la riton uzatan en la konfesdono. "Mi pekis en la koro, en la pensoj, en agado. Mi pekis... Ne! Mi tute ne pekis!" ŝi kriis, subite konsciante ke

en la koro ŝi plu aprobas sian ĝisnunan vivon. Ŝi klopodis forturni sin de la fingro, sed ĝi sekvis ŝin kien ajn ŝi rigardis. “Kion mi faris, mi faris pro amo” ŝi kriis. “Miaj agetoj dum mi estis bebo ne estis pekoj. Oni ne rajtas diri ke infaneto pekis ĉar ŝi prenis monerojn el la monsako de la patrino!”

“Vi koncipiĝis kaj naskiĝis peke,” la voĉo tondris. “Vin plenigas pekaro en ĉiu ĉelo de via korpo! Vi ekzistis, sekve vi pekis. Kiel tio estas punenda?”

“Per eternaj fajroj de l’ infero kaj damnado!” ploris Gloria. Kaj abrupte ŝi komencis deklami: “Sankta Maria, Patrino de Dio, preĝu por ni la pekuloj nun jam je la tempo de nia morto…”

“Gloria! Ne trompiĝu! Estas nur iluzio!” Ŝajnis al ŝi ke ŝi aŭdas la voĉon de Mariana, sed tre malklare, kvazaŭ trans centmiloj da kilometroj.

“Eternaj fajroj de l’ infero kaj damnado!” muĝegis la voĉo. “Fortrenu ŝin!”

Du demonaĉoj aperis, po unu ambaŭflanke de Gloria. Ili katenis ŝiajn brakojn kaj korpon. Ili portis tripikilajn lancojn, kaj ruĝe flamis iliaj korpoj. Ili komencis tiri la katenojn.

“Gloria! Ne trompiĝu! Estas nur iluzio!” Denove vokis la voĉo de Mariana, sed nun preskaŭ ne aŭdebla.

Gloria baraktadis, sed la katenoj tranĉis ŝin kvazaŭ havante klingojn. Subite intuicio fulmis en ŝia kapo. “Vi ne estas realaj, vi ĉiuj!” ŝi kriegis, “Nek demonoj, nek pseŭdodio, nek nuboj, nenio!” Dum ŝi parolis, la demonoj, la voĉo, la nuboj, kaj ŝi mem malaperis.

---

Gloria strebis atingi la surfacon de la oceano. La ondoj verŝiĝantaj sur ŝin ŝajne trairis ŝian korpon, ŝi ne povis senti ilin. Ĉu ŝi povas naĝi? Neniam antaŭe ŝi naĝis en oceano. Ŝi trovis sin kapabla naĝi tute senĝene. Sed estis tede, naĝadi en la oceano, vidante neniun celon, nur senfinajn ondojn. Ŝi decidis stariĝi kaj trovis ke estas facile marŝi sur la akvo. “Do tiel *Li* faris tion! Estas efektive tre simple. Sankta Petro sciis tion, sed poste li forgesis.”[1] Eksperimente ŝi provis forgesi, sed tio estis neebla. “Nu, mi do marŝu al la seka tero. Kioma distanco? Ni jam flugis eble unu horon for de Sidnejo antaŭ la eksplodo — kiom rapide ni flugadis?” Ŝi volis kalkuli, sed efektive ŝi tute ne sciis kiom rapide flugas jeto. “Longega distanco, certe,” ŝi voĉigis. Surprizis ŝin aŭdi la propran voĉon. “Mi devus marŝi eterne por reiri. Kial mi do ne flugu?”

Ŝi etendis la brakojn kaj konforme al sia anticipo ŝi eksperte soris tra la aero pli rapide ol kolibro. Sed nun ŝi ekkonsciis ke ŝi ne scias kiudirekten flugi. “Se mi flugos erardirekten mi atingos sekan teron nur post miloj da kilometroj.

[1] Laŭ la kristana biblio, Jesuo marŝis sur la akvo de lago. Lia disĉiplo Petro provis imiti lin, sed malsukcesis. (La anekdoto troviĝas en Mateo 14:22–33.)

Estas tute senutile.” Ŝi haltis en la aero kaj pensis. “Ĉu eble mi povus teleporti min?” ŝi demandis sin. “Kiel fari tion? Nur faru mensan bildon pri Panjo kaj Paĉjo, mi supozas.” Tion ŝi faris kaj tuj trovis sin ŝvebanta super ilia lito.

Mariana kaj Petro dormadis, sed Mariana estis tre malkvieta, kvazaŭ spertante timigan koŝmaron. Ŝi kriis senĉese tiel senespere ke Gloria komencis plori.

Gloria decidis ke estas stulte ŝvebi en la aero. Do ŝi paŝis sur la plankon, iris al la lito, kaj ĉirkaŭbrakumis Marianan por trankviligi ŝin. Sed Mariana ŝajne ne estis solida, la brakoj de Gloria tuŝis nenion.

“Ankaŭ ĉi tio ne estas reala!” Gloria subite komprenis. “Estas nur iluzio, same kiel la demonoj kaj tiu dio de infera fajro kaj damnado.”

Malaperis Mariana, kaj ankaŭ Gloria.

---

Blindiga lumo trafis Glorian. Jam mankis la ŝtormo, la oceano, plankoj, muroj. Ŝi trovis sin staranta sur kampo. Super ŝi, la blua ĉielo. Ĉirkaŭ ŝi, arboj. La blindiga lumo rapide malaperis kaj ŝi ekkomprenis ke temas pri la lumo el la eksplodo de la aviadilo. Ŝi demandis al si ĉu ŝi estas sola kaj ĉirkaŭrigardis. Ne tre for estis granda amaso da homoj. Ŝi komencis marŝi ilidirekten kaj sentis ion strangan. Surprizite ŝi rigardis sian korpon. Ĝi ne plu estis graveda. Mankis ŝiaj mamoj, kaj la tuta seksa parto. Ŝi ekkonsciis ke ŝi estas nuda, kaj ankaŭ tiaj estis la aliaj personoj. Sed plej surprizis ŝin trovi ke ŝi ne plu havas sekson.

La morto estas stranga afero, ŝi pensis dum ŝi plumarŝis direkte la homamason. Atinginte ilin ŝi konstatis ke ili aŭskultadas homon sur podio antaŭ ili. La voĉo de tiu homo estis rimarkinde klara, ŝi pensis, ĉar ja mankis laŭtparolilo. Ŝi komencis aŭskulti la vortojn. Kvankam ŝi ne rekonis la lingvon, iel ŝi sciis ke ŝi povas kompreni kian ajn lingvon laŭvole. Ŝi agordis sian menson al la voĉo kaj la vortoj tuj kompreniĝis.

“...laŭorde, komencante je la unua vico,” estis diranta la voĉo. “Ĉiu siavice iru al la tablo kaj tre zorge elektu sian folion. Tempo ne mankas, vi tute ne bezonas rapidi. Elektinte vian folion, portu ĝin al la registristo, maldekstre de mi, kaj tiu informos vin pri kion fari.”

La atendado estos eterna, pensis Gloria. Sed efektive oni moviĝis tre rapide. Aŭ ĉu ekzistis stranga speco de tempo ĉi tie, tiel ke kio por unu persono estis horoj por la aliaj estis nur sekundoj? Verŝajne tiel, ĉar ŝajnis ke apenaŭ pasis kvin minutoj antaŭ ol ŝi trovis sin ĉe la tablo. Malgraŭ la amasego da homoj jam irintaj tien, restis vasta nombro da presitaj folioj sur la tablo, zorge klasifikitaj laŭ temo: flegistino, kuracisto, dommastrino, ĉarpentisto, komputilisto, rubaĵkolektisto, kc. La nombro da klasifikoj ŝajnis senfina. Preninte folion el stako rubrikita “artistoj” ŝi komencis legi: *Mondfama*

*porcelanisto ĉina, edzo kun infanoj.*

Jen, bona kariero, pensis Gloria, kaj ŝi decidis elekti tiun. Dum ŝi portis ĝin al la registristo ŝi ekmemoris ke ĉion ĉi ŝi jam antaŭe renkontis: en *La Respubliko* de Platono. “Damne!” ŝi diris. “Alia iluzio. Ankaŭ ĉi tio ne estas reala!” La sceno komencis malaperi, kaj ankaŭ ŝi.

---

Sento de skuiĝo penetris la cerbon de Mariana, kaj ŝi vekiĝis kvazaŭ perforte. Kaj ŝi kaj la lito estis malsekaj pro ŝvitado, lagetoj da ŝvito gutadis surplanken. Ŝi ŝaltis la lampon. Tio vekis Petron. “Kio okazis?” li demandis. “Ĉu okazis nova katastrofo?”

Unuamomente Mariana ne povis paroli. Ŝi firme tenis Petron kaj ŝia korpo skuiĝis dum ŝi ploradis. Fine ŝi sukcesis diri: “Mi vidis Glorian viva. Kiel en la *Tibeta Libro por la Mortintoj*. Vi scias ke laŭ ĝi, ĉio okazanta post la morto estas kreita de nia fantazio, kaj la libro konstante avertas ke temas nur pri iluzioj, ne kredu ilin kaj pro tio ili ne katenos vin. Se oni komprenas ke ĉio kredata de homoj pri la morto estas fantazio, nur tiam oni havas oportunon eskapi el samsaro.

“Mi ne komprenas,” agnoskis Petro. “Sed estas klare ke vi spertis koŝmarojn pri Gloria kaj pri kio okazas al ŝi morta.”

“Jes, jes!” kriis Mariana, feliĉa ke nun li komprenas. “Samsaro estas la universo kaj kio ajn alia ekzistas. La tibetanoj volas eskapi, volas eniri nirvanon, kion oni ne povas ekspliki, ĉar temas pri io, kion ni ankoraŭ neniam spertis. Temas pri la Vero Mem. Mi esperegas ke Gloria trovis ĝin!”

“Mariana, kara,” malfeliĉe diris Petro. “Vi havas febron, ĉu ne?”

Li metis sian manon karese sur ŝian frunton kaj tuj forprenis ĝin kvazaŭ bruligitan. “Jes, febrega,” li diris.

“Ne temas pri febro,” protestis Mariana. “Temas pri Gloria kaj kio okazas al ŝi.”

“Mariana, kara,” malfeliĉe diris Petro. “Necesas kompreni ke vi nur imagas ĉion ĉi. Gloria mortis. Ŝi estas mortinta. Por vi, por mi, ŝi estas nun nur memoraĵo. Memoro pri amo kiun ni havis kaj ĉiam havos, sed nur memoro. Ne trompu vin per esperoj pri tiu samsaro pri kio vi parolas, aŭ la popolo de Tibeto. Ili esprimas sian fantazion pri la morto samkiel la kristanoj. Sed efektive restas nur memoroj. Kontentiĝu per ili.”

“Vi tamen ne komprenas.” Mariana ĝemis, malfeliĉa ĉar ŝi estis supozinta ke ŝi trovis komprenon sed aŭdas nur kliŝojn. “Ne provu kompreni. Nur lasu min sola.” Ŝi turnis sin sur la lito kaj kunpremis sin kvazaŭ bebo.

“Nu, almenaŭ mi povas mildigi la febron,” murmuris Petro. Li malfermis sian keston, elprenis plastan injektileton plenan per antifebraĵo, kaj injektis la

medikamenton. Siavice ankaŭ li ĝemis. "La doloron en la koro ni devos elsuferi, karega. Ekzistas neniu magia injektaĵo por forpreni tion."

---

Gloria malfermis siajn okulojn. Ankoraŭ ŝiaj oreloj aŭdis la tondran sonon de la eksplodo, kaj ŝiaj okuloj plu vidis la fulmon. Ŝi sentis ke ŝi falas, sed ne kiel ŝi anticipis. La ventoj kiuj puŝegis ŝin nun milde karesas ŝin. Ĉu ŝin vundis la eksplodo? Plurfoje ŝi provis rigardi sin, sed ĉiam sensukcese.

Kio okazis al Roland? ŝi demandis sin kvazaŭ en songo. Sed ŝia menso ne povis facile fokusiĝi. Ŝi ne povis vidi la teron, nur la nigran steloplenan ĉielon. Sed tio tute ne maltrankviligis ŝin. Al ŝi sajnis ke ne gravas. Ŝi fermis la okulojn kaj lasis sin pace moviĝi malsupren.

Ŝi remalfermis la okulojn. Ŝi estas en ia kavo. Antaŭ ŝi estas aperturo kaj tra ĝi venas lumo. Kaj granda bruo, kvazaŭ de multaj parolantoj. Kaj tondraj ĝemoj kiuj timigas ŝin. Io puŝas ŝin al la aperturo kaj iel ŝi scias ke tien ŝi ja volas iri. Rapide ŝi trovas sin ekster la kavo kaj ŝi sentas subtenon, kvazaŭ per gigantaj manoj. Denove ŝi malfermas la okulojn. Kiel malgrandaj ŝajnas la okuloj! Estas malfacile fokusi ilin. Sed ŝi povas vidi gigantojn. Ŝi malklare memoras ke ŝi spertis ĉion ĉi jam antaŭe — unufoje — dufoje — ne, multafoje. Sed la memoro rapide forvaporiĝis. Ŝin atingis la sonoj venantaj el la buŝo de unu giganto: "Estas knabo!" Kaj nun ĉio okazinta forgesiĝas.

---

Petro ridetis kontente dum li dormis. "Mia kara, " li murmuris. "Mia kara!"

Mariana vekis lin. "Petro, vi sonĝas," ŝi diris. "Vi devos pretigi vin. Mi jam sentas la naskodolorojn."

"Jes, mi scias," li respondis. "Gloria revenas al ni."

"Kion?" Ŝi skuis la kapon senkomprene, kvazaŭ kredante lin freneza. "Gloria mortis antaŭ naŭ monatoj jam. Ni komencas nun novan familion."

Petro plu ridetis, sed nenion pli li diris. Kune ili eniris la aŭtomobilon irontan naskhospitalen.

---

*[La rakonto dramigas plurajn kredojn fantaziajn el diversaj religiaj kredoj — romkatolika kristanismo — diversaj kristanismaj fantazioj popularaj — mito rakontita de Platono — instruoj de Tibetbudhismo — diversaj renaskiĝ-kredoj. La verkinto mem akceptas neniun el ili.]*

# La Mirmekobo



Kiel besto, la Mirmekobo (*Myrmecobius fasciatus*) estas preskaŭ elmortinta en sia indiĝena teritorio. Sed en sia revua formo, ĝi estas internacie havebla senpage, kaj ni esperas ke vi enhejmigos ĝin, nutros ĝin per viaj legado kaj kontribuo de enhavo, kaj ĝuados ĝin.

Adreso por ĉiuj komunikaĵoj, por peti ekzempleron aŭ por peti abonon, kaj por sendi kontribuaĵon:

donbroadribb@mirmekobo.com

Abono al la revuo estas senpaga. Ĉar neniuj surpapere presitaj ekzempleroj ekzistas, neniu preskosto ekzistas. Se vi deziras mem per via komputila presilo presi ekzemplero(j)n, por vi mem aŭ por aliaj, tion vi rajtas fari laŭdezire kaj senpage.

La revueto Mirmekobo estas sendependa, kaj subtenas neniun ismon. Artikolojn povas kontribui iu ajn. Tre bonvenaj estas literaturaĵoj: noveloj, poemoj, prozaĵoj iaspecaj; esprimoj de vidpunkto; historiaĵoj; prezento de interesaj hobioj; biografiaĵoj, aŭtobiografiaĵoj; legendoj, mitoj… Bildoj, ĉu fotoj, ĉu desegnaĵoj, ĉu klarigaj, tre bonvenos. Reklamojn, anonc(et)ojn, propagandon, lingvajn studojn aŭ kritikojn, pornaĵojn, Mirmekobo malakceptas. La redaktoro rajtas akcepti, modifi, aŭ malakcepti ian kontribuaĵon, kiun li opinias malkonforma al la karaktero kaj reputacio de la revueto. Korektojn evidente bezonajn li rajtas fari, konsultinte la verkinton.



Malnovaj numeroj de *Mirmekobo* troviĝas ĉe www.gazetejo.org/mirmekobo kaj ankaŭ ĉe la retejo de la redakcio:

mirmekobo.com